


3/1998

Aprilo/Majo

Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.




# Internacia kostumfesto en la klubejo



| Enhavo | Editorajxoj |
|---|---|
|  | Redaktofino de n-ro 4/98: 16 - 05 - 1998<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65 |

| | |
|---|---|
| lädt ein | Cxefredaktoro: Benno Klehr,<br>Oelkersallee 31, D-22769 Hamburg,<br>Tel. +49 40 43 51 97<br>eMail: EsperantHH@aol.com |
| La HES Klubejo estas malfermita Jxauxde ekde 19:00 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>GIS: kunvenoj lauxbezone;<br>Informoj:<br>Tel. (040) 58 71 82 aux 738 45 08 | Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:00 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr<br>GIS: Zusammenkünfte nach Bedarf;<br>Information:<br>Tel. (040) 58 71 82 oder 738 45 08 |

**Sentenco**

Kiu amas la mondon,
malfermu la okulojn
- ne la busxon.

Masaja proverbo

Enhavo

---

**Karaj legantoj,**

la klubo estas en krizo.

Oni povas riprocxi al mi kaj mia estraro, ke ni ne suficxe zorgeme faris nian laboron por la klubo. Jes, la estraro devas respondeci pri tio, kio okazas en la klubo.

Antaux pli ol 10 jaroj mi farigxis prezidanto de HES, kvankam mi sciis, ke mi ne estas la plej kapabla por tiu posteno. Sed gxis nun neniu aperis, kiu pretis transpreni la sxargxon.

Riprocxi estas facile!

Mem fari pli bone - tio estas, kion la klubo bezonas.

Benno Klehr

Enhavo

---

**Sxtelo en la klubejo**

En Februaro 1998 la kasisto konstatis, ke dum la tempo de la vintra pauxzo en la klubo, plurfoje estis prenita mono de la kluba konto. Montrigxis, ke la cxekkarto estis sxtelita el la klubejo.

La cxekkarto trovigxis en sxlosita kaseto en la sxlosita provizejo apud la kuirejo. La sxlosilo de la kaseto estis kasxita en sxlosita tirkesto en la bufedo. Neniu seruro estis rompita. Do nur iu, kiu havis sxlosilon, povis esti la sxtelinto. Sxlosilojn havis nur ses klubaj aktivuloj kaj la purigistino. Bedaxrinde apud la cxekkarto ankaux la kodnombro trovgxis en la kaseto. Tiel eblis el auxtomato preni monon de la konto. Fine de Decembro kaj komence de Januaro entute malaperis 7500 markoj.

La konjekta sxtelinto estis eltrovita de la polico per fotoj, kiuj estas auxtomate faritaj, kiam iu uzas banko-auxtomaton cxe HASPA apud la urbodomo.

Sur tiaj fotoj videblas bone rekonebla - la purigistino. Sxi kontestas la sxtelon - malgraux la fotoj. La estraro malpermesis al sxi eniri la domon.

Nun la kazo estas afero de jugxistaro. Ecx se sxi estos kondamnita, ni ne povas esperi, ricevi la monon, cxar sxi vivas de sociala helpo.

B. Klehr

Enhavo

---

**Hxaosa Jarcxefkunveno**

La 26an de Februaro 1998 estis planita la jarcxefkunveno de HES. Sed la kunveno ne iris laux la kutima maniero. La cxeestantoj ne povis sensxargxigi la estraron pro diversaj kauxzoj kaj prokrastis la kunvenon gxis post la la klarigxo de la problemaj punktoj.

La prezidanto raportis al la membroj pri la sxtelita mono, kaj devis konfesi, ke li mem ne suficxe gardis la cxekkarton. Je tiu dato ankoraux ne estis konataj iaj rezultoj de la polica laboro. Pro tio la kazo estis manko en la kaso. Sed la revizoroj ankaux kritikis aliajn partojn de la librotenado, kiujn la estraro ne povis klarigi kontentige. Estis vere malagrabla situacio, speciale por la estraro, ke sensxargxigo ne estis ebla. Kun eta aldono, ke la protokolo de la pasinta jarcxefkunveno ne estis trovebla, kaj restis neprezentebla, la jarcxefkunveno finigxis hxaose.

BK

Enhavo

---

Germana Esperanto-Kongreso en Dresden

de la 29a de Majo gxis la 1a de Junio
"Klerigo, kulturo kaj Esperanto"

Kotizo por GEA-membro: 90 DM
La hotelo estas eksterordinare favorpreza:
Tranokto en unulita cxambro 59 DM, dulita po 49 DM

Aligxiloj en la klubejo aux cxe GEA (Esperanto aktuell)

Enhavo

---

Euxropa Semajno

Cxi-jare denove ni havos standon
la 25an kaj 26an de Aprilo
antaux la urbodomo de Hamburg.

Jxauxdon, la 30an de Aprilo okazos
**Tago de Malfermitaj Pordoj** kun
provleciono kaj diskuto en la klubejo.

**Bonvolu informi interesitojn!**

La estraro de HES

Enhavo

---

**Programo de HES**

| Aprilo | Majo |
| --- | --- |
| **2 Koncepto-Kunveno**<br>Ni ellaboras koncepton por la estonta laboro<br><br>**9** *OVO-KUNVENO* (v. sube)<br><br>**19** *Werner Bormann:*<br>Homaj Rajtoj - prelego (dauxrigo)<br><br>**23 Preparvespero por la Euxropa Semajno**<br><br>**25a gxis 26a** Esperanto-stando sur Rathausmarkt (antaux urbodome)<br><br>**27a gxis 29a** vidu lastan pagxon<br><br>**30** Tago de Malfermita Pordo<br><br>18.15 Schnupperkurs<br><br>20.15 Podia diskuto kun Werner Bormann | **7** *"POSTRIKOLTO"*<br>Ni dikutas pri laboro kaj sukceso en la Euxropa Semajno.<br><br>**14** Speciala Kunveno<br>(versxajne dauxrigo de la jarcxefkunveno laux speciala invito)<br><br>**21** CXE-ELLEN-IR-TAGO<br>Kafo kaj kuko en la klubejo ek de la 16.00 h.<br>Tradicia kunveno memore al Ellen Eggers, mecenatino de la klubo.<br><br>**28 Unua preparkunsido por Du und Deine Welt** |

| | |
|---|---|
| **Ni gratulas**<br>al Werner Bernhardt,<br>iama kasisto de HES,<br>okaze de lia<br>**70**a naskigxdatreveno,<br>la 1an de Majo 1998.<br><br>La estraro | OVO-KUNVENO<br><br>La "ovo-kunveno" estas tradicia antaux-paska festeto en la klubejo, kiam ni komune mangxas (ne nur) koloritajn ovojn, Gastoj cxiam estas bonvenaj! |

Enhavo

---

**3-a Hansa Esperanto-Tago**
**18a - 20a de septembro 1998 Låsby / Danio**

Fine la 3a HET sukcesos forlasi Germanion. La origina ideo estis, organizi gxin cxiujare en alia lando, lauxeble alterne en oriento kaj okcidento, tiel turneante cxirkaux la Balta Maro ene de 10 jaroj. Espereble ni baldaux povos kunveni en iu reformlando.

Ni decidis sxovi la HET de majo al septembro por eviti la grandan konkurencon de diversaj internaciaj arangxoj dum la printempo.

Via partopreno montros al ni, cxu tio estis bona decido.

Por la 3a HET ni trovis komfortan hotelon en cxarma vilagxo, cx. 30 km okcidente de Århus. Gxi estas tradicia domo fondita en 1737, nun jam dum tri generacioj en la sama familio, kun moderne ekipitaj cxambroj. En la hotelo estas sauxno, sunumejo, bilardo, infanludejo kaj nagxejo.

Alveturo:

Auxtomobile: auxtostrato gxis Århus (elirejo n-ro 48), okcidenten al Silkeborg (strato n-ro 15) gxis Låsby.

Trajne: al Skanderborg. Tie sxangxi al Silkeborg gxis Ry, kie auxobuso de la hotelo atendos vin. La auxtobuso estos maksimume 2-foje cxe la stacidomo. Se vi alveturos trajne bonvolu frue anonci vian intencitan alvenon, por ke ni povu kunordigi la transporton. Ni skribos al vi la veturhorojn de la buso 1-2 semajnojn antaux la arangxo. Se vi alvenos je alia horo vi povos preni taksion. (5-minuta auxtomobilvojo)

Vetureblecoj:

Kopenhago-Skanderborg: 12:00-14:54 13:00-15:54 ktp cxiuhore
Aalborg-Skanderborg: 12:31-14:15 13:31-15:15 ktp cxiuhore
Flensburg-Skanderborg: 14:17-16:54 15:12-17:54 1817-2054
Skanderborg-Ry: 12:05-12:16 13:05-13:16 ktp cxiuhore
(Laux vintra horaro. Bv. kontroli cxu gxi validos ankaux somere.)

Aligxiloj en la HES-klubejo

PPP... **Plene Provizora Programo de la 3a HET**

Vendredo 18.09.1998

Transporto de la stacidomo de Ry, laux interkonsento
ekde 12.00 Akcepto
19.00 Vespermangxo kun 2 pladoj
20.00 Inter(re)kona Babilado

Sabato 19.09.1998
8.00 - 9.00 Matena Bufedo
9.00-12.00 Prelegoj
12.00 Tagmangxo, menuo kun 2 pladoj
13.30-15.00 Prelego
15.00 Kafo kaj kuko
15.45-18.00 Vizito al la „Blua Foiro", la plej granda marcxanda bazaro en Danio, 700 m for de la hotelo
19.00 - 1.30 Distra vespero inkluzive de la mangxo. Ebleco simple babili aux partopreni vesperan arangxon kun muziko kaj dancado kun aliaj hotelgastoj.

Dimancxo 20.09.1998
8.30 - 9.30 Matena Bufedo
Poste auxtobuse al la boathaveno de Ry
10.30 Sxipveturado sur la lago Julsø
12.00 Tagmangxo en hotelo Julsø
13.50 Per auxtobuso al la stacidomo de Ry
14.22 Forveturo per trajno al Skanderborg

Adreso de la kunvenejo:
Laasby Kro, Hovedgaden 49, DK - 8670 Låsby
Tel: +45 / 86 95 17 66, Fakso: +45 / 86 95 10 92

Paralele dum la semajnfino, se montrigxos deziro: Lingvokursoj, Konversaciaj rondoj

Enhavo

---

# Die Stiftung Europaverständigung lädt ein

| | |
|---|---|
| MO<br>**27. April '98**<br>19:30 Uhr<br><br>**Universität**<br>Hörsaal K<br>Edmund-Siemers-Allee | **Innovation Esperanto: Verschlafen Wirtschaft und Politik eine Chance?**<br>Vortrag von Gerhard Hein<br><br>Eintritt frei |

| | | | |
|---|---|---|---|
| DI<br>**28. April '98**<br>19:30 Uhr<br><br>**DAS PICCOLO THEATER**<br><br>Elbchaussee 14<br>(Nähe Rathaus Altona)<br><br>Vorbestellungen:<br>390 33 29 | **K u l t u r & S p r a c h e :**<br><br>**Ludwig Zamenhof.**<br>Ein Pole und großer Europäer.<br>Vortrag von Dr. Werner Bormann ¨ber Leben und Werk des Schöpfers der Internationalen Sprache Esperanto<br><br>**Heinrich Heine.**<br>Dichter unbekannt oder DEUTSCHLAND - ein Wintermärchen?<br>Literarisches Kabarett mit Bettina Evert und Gerd D. Samariter über Leben und Werk des Dichters<br><br>Eintritt 32,50 DM, ermäßigt 15,50 DM | MI<br>**29. April '98**<br>19:30 Uhr<br><br>**Universität**<br>Hörsaal K<br>Edmund-Siemers-Allee | **Die ketzerischen Gedanken eines Eurobürgers zum Arbeitslosenproblem. Aufruf zur Gründung der "Deutschen Nationalstiftung für mehr Beschäftigung"**<br>Eine Veranstaltung mit Gerhard Hein<br><br>Eintritt frei |

Enhavo
Re al la cxefpagxo